XXIX

III Jaro. ★ XXIV Num.

★ Majo.—1919 ★

★ ★ MADRIDO ★ ★

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo :-: :-: :-: :-: :-: :-: de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„



S-RO GENERALO SEBERT
Eminenta Artileriano franca, vera kvankam modesta sciulo kaj senlaca pioniro de Esperanto

# Al Gezamenhofanoj

Karaj gekunlaborantoj!

Miaj militdevoj devigis min forlasi Madridon, sed ĉi tio nur estas komplikaĵeto por nia afero, ĉar ĉio disvolviĝos same kiel ĝis nun. Mi ne volis sciigi al vi mian destinon al Jaca tial ke ĉi tio estus povinta malkuraĝigi iun, kaj atendis la aperon de Aprila numero por havi pruvon konstatantan la regulan funkciadon de nia ĉefa entrepreno, de nia revuo, ligilo, kuraĝigilo kaj subtenilo nia. Ĉio ĉi tio nur signifas iom pli da laboro por mi kaj por la verkistoj, al kiu mi petas, el ĉiu verko, duoblan specimenon, ĉar tial mi restigos kun mi specimenon kaj sendos la alian al la presejo.

Adresu al mi—Komandanto de la Regimento «Galicia» 19.ª de Infanterio, *Jaca* (Huesca)—revuojn, leterojn, poŝtkartojn, originalojn kaj ĉion, kiel antaŭe; atentu nur ke mia loĝejo estas la sola ŝanĝo, kaj ni daŭrigu nian laboron tiel entuziasme, tiel arde. kiel ĝis nun. Mia restado en Jaca ne estos malfavora al Esperanto, mi jam komencis semi kaj eble la semo fruktiĝos.

Mi esperas ke vi helpos min kiel ĉiam vi helpis, pretaj por kaj pro Esperanto konstante.

Frate salutas vin,

*Julio Mangada Rosenörn*

# Ho Tempo! ne rapidu

Same kiel rapida vagonaro
lasas post si la valon kaj la monton,
kuras tra la tunelo kaj kamparo,

trapasas la fortegan altan ponton
kaj glitante sur brila vojo fera
iras en malproksiman horizonton;

tute same majesta kaj fiera
puŝas ĉiam la vivon kaj la Teron
vi, Tempo malindulga kaj severa;

atentas nek deziron, nek esperon,
ĉion estingas, eĉ la sunan lumon,
ĉe kurigas ĉian astran sferon.

Same kiel la vent' forblovas fumon,
al la pasia kor' vi rabas amon,
al la floro forrabas la parfumon;

vi sola verkas la homaran dramon,
mortigas penson, emon kaj pasion,
respektas nek la vanton, nek glorfamon.

Por neniigi ĉian iluzion
estas forges' edzin' via fidela...
Ĉu ambaŭ vi obeas ver-Dion?

Ho vi, Tempo terura kaj kruela!
de l' maljunee' vi donas la turmentojn
al virin' kiu estis anĝel' bela.

Vi faligas antikvajn monumentojn,
la turojn kaj arkaĵojn kaj kolonojn,
puŝante senkompate la jarcentojn;

vi eĉ polvigas la granitajn ŝtonojn
kaj vi ŝanĝante la homarajn sentojn
fondas naciojn kaj faligas tronojn.

Longajn epokojn kiel la momentojn
kurigas same via blinda forto
kvazaŭ ciklon' rapidigante ventojn...

Nenio venkas vin, nek eĉ la Sorto.
Timiga maljunul' vi estas vere.
Ne rapidu; kun vi venas la Morto,
kaj mi ĝin vidas tute malespere!

*Rafael de San Millán*

# 80-a Datreveno de Generalo Sebert

**30.an - JANUARO - 1919**

Je tiu dato, 40-o da esperantistoj el Paris kunvenis en ĉambro de la Esperantista Centra Oficejo, por la 80.an datrevenon de nia fervora pioniro pri Esperanto kaj pri tiom da aliaj progresemaj ideoj! Je tiu okazo la geesperantistoj donacis al sia «dua

Majstro» bronzan basreliefon titolitan «La Penso».

Tiu festeto estis organizita tute nesciite de nia generala Moŝto, kaj li montriĝis unue tre ĝenata pro tiu atento, kiu kontraŭiris lian modestecon kutiman kaj konatan. Je tiu soleno, tute intima, estis reprezentataj la Parisaj geesperantistoj el ĉiuj medioj: Paris' a Grupo, Federation Syndicale Esperantiste, Liberiga Stelo, Sekcio Socialista Esperantista, U. E. A., k. t. p. Ni ne nomos la ĉeestintojn ĉar ni ne havas sufiĉe da loko. Ni bedaŭras.

Alveninte por labora kunsido, Generalo turnis sin al S-ino E. F. Cense, kaj diris: «Kion do vi faris? Kio okazas kaj kial tiuj floroj?» «Kara Generalo—ŝi respondis—permesu, ke hodiaŭ la laborkunsido de la Amikoj de Esperanto estu simpla kunveno, dum kiu ni trinkos tason da teo, kaj bonvolu sidiĝi kaj aŭskulti.»

Tiam, laŭ peto de ĉiuj, Profesoro Decourt leviĝis kaj diris al Generalo, en kies okuloj vidiĝis larmoj:

«Kara kaj estimata Generalo, permesu ke mi legu al vi kelkajn vortojn, kiuj esprimas al vi la sentojn de ĉiuj, kaj kies aŭtoro tro modesta ne volas sin konatigi. Mi provos esti interpretanto por ĉiuj:

»Tre estimata Generalo Sebert!

Estas vere agrable al ni festi hodiaŭ karan amikon Generalon Sebert, kaj honori lian mirinde ageman vivon, dezirante al li ankoraŭ multajn jarojn inter ni.

Ni ne intencas priskribi ĉi tie vian agoplenan vivon; ĉar por tio ni bezonus plurajn volumojn. Oni konas la devizon: «Homo sum et nihil humani a me alienum puto». Ni povus ŝanĝi tiun devizon por Generalo Sebert en tiu alia: «Scienculo mi estas, kaj nenia scienca progreso estas al mi fremda.»

Preskaŭ nekredebla estas la universaleco de la agadkampo de Generalo Sebert. Oni, verdire, ne povas kompreni kian senmezuran laboron li sukcesas plenumi en la daŭro de unu tago! Li nun, en la 80-a jaro, montras agemon kaj viglecon, kiujn multaj nunaj junuloj rajtus envii al li.

Dum kelka tempo, Generalo ŝajnis sin especialigi pri balistiko, pri kiu li estas, nekontesteble, la plej klera homo en Francio, se ne en la tuta mondo. Pro tiu laboro, li estas elektita al la Scienca Akademio en la jaro 1896. Flanke de tio li sin dediĉas al gravegaj financaj kaj industriaj firmoj, al la plej kleraj societoj sciencaj. Krom la ordeno de Komandoro de la Honora Legiono, li posedas multnombrajn rekompencojn kaj premiojn de sciencaj Societoj.

Oni ĉiam konstatas en la agmaniero de Generalo Sebert tiun specialan punkton, ke li dediĉas sian plej grandan agemon al novaj sciencoj ne sufiĉe diskonigitaj. Jam ofte li fariĝis senhezite la plej persista apostolo de iuj progresoj, malgraŭ la iamaj skeptikaj ŝercoj, kiuj, ĉe ni, ne ŝparas la propagandistojn de novaj ideoj, eĉ kiam tiuj propagandistoj estas universalaj scienculoj aŭ respektindaj Akademianoj, kiel Generalo Sebert.

Inter la sciencoj, kiujn Generalo Sebert penadis diskonigi, ni tute speciale citos la decimalan bibliografian klasigon, kies li estas plej varma apostolo, kaj por konigo de kiu li elspezis kaj elspezas multajn fortojn kaj gravajn sumojn. Tiu klarigo estas efektive la sola sistemo ebliganta trovi iun temon, eĉ tre malsimplan, inter multaj milionoj da libroj. Malgraŭ ĝiaj evidentaj meritoj kaj la penado de Generalo, tiu sistemo, kiu nepre estas akceptota, ne estis ĝis nun akceptita de niaj publikaj bibliotekoj.

La sama sento pri scienca simpligo kaj unuiĝo senpere alkondukis lin al Esperanto, sed unuvorte, ni povas diri, ke por la fondo de la Esperantista Centra Oficejo, li ebligis ke oni konservu la plej gravajn dokumentojn por la historio de la lingvo internacia Esperanto, kaj ke oni kunigu la plej grandan nombron de la literaturaj verkoj de tiu lingvo.

D-ro Zamenhof mem sentis ofte la bezonon de la kuraĝigoj ĉiuspecaj de la Generalo. Dum la lastaj kruelaj jaroj, preskaŭ sola, Generalo nutris la esperantan flameton en nia lando kaj helpis ĝin en kelkaj aliaj.

Por la universala progreso, ni ĉiuj deziras ankoraŭ longan vivon al vi, kara Generalo, kun ĉiama daŭrigo de via mirinda cerba vigleco, kaj ĉiuokaze, ni devas daŭre helpi la disvolviĝon de viaj belegaj pledadoj sciencaj.

Ni, do, diras al vi, kara kaj estimata Generalo, restu ankoraŭ multajn jarojn inter ni, kaj ni esperas, ke kune ni ĉiuj fine vidos la triumfon de la ideoj, kiujn vi tiel arde defendas.»

Subskribis la tekston ĉiuj ĉeestintoj, kaj S-ino de Menil prezentis la kolektivan donacon, kaj Generalo Sebert tre emociita diris kelkajn vortojn. Tuj, en plej granda silento, F-ino Gerard kaj S-ino Cense, disdonis tasojn da teo kaj post trinkado, S-ro Aymonier parolis tiel:

«Kara Generalo! Esperanto ŝuldas al vi pli ol oni diras, pli ol oni opinias, pli ol vi mem opinius se via modesteco permesus al vi konfesi vian meriton, viaj servojn. Se certa estas tia ŝuldo, certa ankaŭ estas nia dankodevo.

Via ĉeesto de post tiom da jaroj en ĉiuj kunvenoj, la ĉeesto de maljunulo ĉiam preta agi, klopodi por nia afero, sen ia laciĝo, kun sindonemo plena, donemo de si mem tuta, spirito kaj koro, aŭtoritato kaj influo, jen la plej efika propagando, jen la plej elokventa pledo por Esperanto!

Homoj ĝenerale ne juĝas ideojn, doktrinon, en ili mem, sed laŭ la reprezentantoj, la predikantoj de ili. Kristanismo, stoikismo akiris pli da adeptoj per siaj apostoloj ol per la doktrino mem. Mi, do, ripetas: Kiam la popolo vidas homon, kia vi estas, Generalo, kiu ŝarĝita per titoloj, honoroj, per ĉiuj donoj de la sorto, en la vespero de la vivo, en la horo en kiu plej laboremaj homoj bezonas ripozon, rifuĝas kvazaŭ en turon silentan, el kie ili senpasie, de malproksime rigardas la mondon, homon mi diras, kiu pli ol plej vigla junulo sin dediĉas al triumfo de ideo nur efektiviĝonta post li, tiam la popolo eĉ plej indiferenta, plej skeptika, plej utilcela, haltas, pripensadas, eksentas respekton, admiron, kaj admiro, respekto, nerekte transiras al nia Esperanto!

Eĉ inter ni, Generalo, vi staras kiel nobla ekzemplo al kiu vole ne vole direktiĝas nia penso, kiam ia senkuraĝeco aŭ dubo minacas nin ekkapti, ekpremi, sufiĉas, por elrektiĝi tuj, ke ni vidu vin ĉe tiu tablo, en via Centra Laborejo... tiam oni konfuziĝas, oni ruĝiĝas pri si kaj oni ricevas kuraĝigon, memfidon, neŝanceligeblan fidon al la fina venko!

Ĉiuj ni devas deziri kore, ke vi longajn jarojn restu modelo vivanta por la Esperantistaro, ke ni longajn jarojn povu vin nomi «la plej juneca maljunulo», ke fine longajn jarojn vi montru al la novaj kaj malnovaj Esperantistoj la efikon de la kredo, de la laboro!»

Ankaŭ, post aplaŭdado, S-ro J. Camescasse laŭdis la generalon kaj dankis lian laboron je la nomo de la Sekcio Esperantista de la Socialista partio kaj de U. E. A. Fine, S-ino, E. F, Cense legis la leteron jenan:

«Edinburgh, 28-an de Januaro.

Tre estimata samideanino!

Antaŭ kelkaj tagoj, birdeto flustris al mi, ke en Parizo okazos je la 30.a de Januaro festeto, kies celo estos memori la 80-an datrevenon de la naskiĝo de nia kara Prezidanto, Generalo Sebert, kiu dum longe tiel forte kaj fervore subtenas nian aferon sanktan: Esperanto.

Ĉu estas necese diri, ke mi tiel individuo, sed ankaŭ kiel reprezentanto de la Brita Esperantistaro; tre volas aliĝi spirite al la aliaj amikoj, kiuj festos tiun okazon, kaj esprimi al la honorata gasto nian gratulon por li, kaj nian egale koran esperon, ke longe li ankoraŭ vivu por gvidi nian movadon, ĝis ĝi atingos la sukceson por kiu ni ĉiuj konstante preĝas kaj laboras?

Mi estas certa ke tio estas la sincera deziro de ĉiu vera Esperantisto, kaj mi petas, ke vi bonvolu saluti, Generalon Sebert, en la nomo de la Brita Esperantistaro, kaj certigi al li nian tutkoran deziron por feliĉaj jaroj estontaj.



DOMO DE PILATOS.—ANGULO DE LA KORTO.—SEVILLA

Sincere via, J. M. Warden (Prezidanto de B. E. A.)

La Generalo, tre kortuŝita, dankis ĉeestantojn kaj promesis daŭran apogon al nia afero

El «France-Esperanto»

Kara Generalo Sebert!

Mi, militisto ankaŭ, vivanta meze la abomenindaj laboroj celantaj kripligi kaj mortigi similulojn, kiel se la homoj estus venintaj al la mondo por buĉi sin reciproke; post la terura hombuĉado kiu ankoraŭ ne ĉesis kaj kiu bedaŭrinde prokrastis la definitivan triumfon, kiun estus doninta al ni la Pariza Kongreso; mi memoras vin, venerinda Generalo, klerega Generalestro de la nepre venkonta armeo de la vera Frateco kaj Paco, sur la estrado de la granda salono de la Berna Kongreso, kaj ŝajnas al mi aŭdi ankoraŭ la eksplodon de l' sentoj pacamaj de la tuta ĉeestantaro, la aplaŭdojn, la huraojn: neforgesebla momento diranta al ni la efikan forton de nia idealo!; mi ankaŭ, kvankam iom malfrue, en la nomo de la hispana Esperantistaro, gratulas vin kaj deziras al vi multajn jarojn en nia «ronda familio» ĝis vidi Esperanton triumfintan.

Ĉiam apud vi kun entuziasmo kaj alta estimo.

*Julio Mangada Rosenörn*

# La plej bona Patrino

I

Ho patrino plej aminda,
Vi min naskis, mamnutradis,
Mian liton vi gardadis,
Ĉiam zorga kaj revinda;
La suferon pace portas
Vi, dorlotas, karesadas
Flegas, amas, kaj kisadas
Sed, ho ve, vi fine mortas...
*Jes, la Sankta Virgulino*
*Estas plej bona Patrino...*

II

Al ni donas Patrintero
Korpon, nutron, kaj plezuron,
Harmonion, kaj figuron,
Kaj parfumojn en aero;
Montojn, valojn kaj herbejojn,
Florĝardenojn, fontojn, marojn,
Riveregojn, kaj arbarojn,
Bestojn, fiŝojn, kaj birdejojn...
*Sed la Sankta Virgulino*
*Estas plej bona Patrino.*

III

Patrinlando donas halojn,
Edukejakademiojn,
Vagonarojn, kolegiojn,
Telegrafojn, kaj kanalojn;
Grandarmeojn, kaj ŝiparojn,
Urbfabrikojn, metiejojn,
Kaj aerveturilejojn,
Amuzajojn, maŝinarojn...
*Ho, la Sankta Virgulino,*
*Estas plej bona Patrino.*

IV

Dia estas ŝi Reĝino
Nin donante radimenson,
Korbonecon, senlimpenson,
Glora Difilnaskintino;
Animvirton, helan tronon,
Ĉielgloron, Dikonadon,
Perfektecon, kaj sciadon,
Donas ŝi, triunfan kronon...
*Ĉar la Sankta Virgulino*
*Estas plej bona Patrino.*

*Pastro Mariano Mojado.*

## AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.



KRADO DE FENESTRO (XVI.ª JARCENTO) EN LA ĜARDENOJ
DE LA DOMO DE PILATOS.—SEVILLA

## Centra Dana Esperantista Ligo-Dansks Esperantister Centralfor

# LA DANA FONDAĴO RASK-ORSTED (1)

La Ministro de publika instruado en Danlando, S-ro Kejser-Nielsen, prezentis je la 14.a de Januaro 1919 en la Dana Parlamento (2.a Ĉambro) proponon pri starigo de fondajo, kiu devas porti la du famajn nomojn danajn RASK-ORSTED. La fondaĵo devas esti granda je 5.000.000 da Kronoj.

La penso, pere de tia fondajo, redaŭrigi la sciencan internacian laboron fruktodonan al la dana-norvega scienco estis inter aliaj forte prezentata de Prof. Stang en la Skandinava parlamenta delegitkunveno en Kristiania 1917.

Poste en ĉiu el la tri landoj oni preparis la aferon. En Danlando estis starigita komitato kun la Ministro por defend-aferoj, D-ro Phil. Munch, kiel Prezidanto.

S-ro Kejser-Nielsen atendis la proponojn de tin Komitato. La fondaĵo estos konsistanta el ŝtatobligacio rentodonanta je 5 $_{0}|^{0}$, tiel ke la rento, kr. 250.000 pojare estos aplikata al la celoj de la fondaĵo.—La fondaĵo estos administrata de Komitato de 11 membroj elektotaj por 4 jaroj, kaj kunmetata en la sekvanta maniero: 2, inter kiuj la Prezidanto, estas elektataj de la Ministro de publika instruado; 4, de la parlamento; 2, de la societo de Sciencoj; 2 de la Universitato, kaj 1 de la direkcio de la fondaĵo «Carlsberg Fondet».

La Ministro de publika instruado estas rajtigota starigi regularon por la fondaĵo. Pri la funkcio de ĉi-tiu estos donata ĉiujare raporto kaj kalkulaĵo al la Ministro de publika instruado kaj al la Parlamento.

Pri la celo de la fondaĵo estas sciigata la jeno:

Apogo de esploro kiu okazos pere de internacia kunlaborado, kaj publikigo de la tiamaniere atingitaj rezultoj, helpe al aranĝado de internaciaj sciencaj kunvenoj ĉi tie en la lando, invite al fremdaj sciencistoj por doni instruadon, disdono de stipendioj al eksterlandanoj, kiuj deziras studi en Danlando, kaj al Danoj, kiuj deziras studi en eksterlando, publikigo de danaj sciencaj laboroj *en Mondlingvo* klariga laboro al eksterlando, rilate al Dana scienca esplorado, kaj fine, apogo al societoj kaj unuiĝoj kiuj laboras por la sama celo kiel la fondaĵo.

La Ministro subskribas fine, kiel celinda, ke oni havigos al la danaj sciencaj laboroj, tiun lokon en la internacia scienco kiun ili povas postuli, zorgante ke ili estos tradukataj *al Mondlingvo*.

—La Ministro prezentis je la 14.a de Januaro 1619 novajn leĝproponojn al la parlamento (2.a Ĉambro). La suprecitita estas unu el ili.

Prezentiĝas por ni nova, grava okazo por subteni nian internacian lingvon en malfacila cirkonstanco, kiu povas fariĝi tre favora al ni, se nur ni sufiĉe energie laboros.

Jam de longe oni sciis pri la kreo de tiu Fondaĵo kaj oni jam informis samideanojn pri ĝi, post averto de la agema samideanino F-ino Noll. Oni petis, ke kiam venos la tago oni skribu kaj sendu dokumentojn al la nomitaj personoj, kiuj estas interesataj pri la Mondlingvo.

La projekto enmetita estas traduko de la parlamenta raporto tradukita el «Politiken» la plej grava dana gazeto. Kiam oni skribos, oni estas petata citi la gazeton, kvazaŭ oni legus la raporton en la gazeto mem aŭ kiel eltiraĵon de ĝi aperintan en nacia gazeto. La dokumentoj estas sendotaj al la du cititaj personoj. Ministro pri Publika Instruado kaj ministro pri defend-aferoj.

Laŭ nia opinio, ĉiu konas iun sciencistom aŭ gravan ian personon, kun titoloj, devus prepari leteron, kiun oni subskribigus de li. kaj kiu estus sendota poste al la supre cititaj personoj. Oni ne redaktas tiun leteron, ĉar oni konsideras, ke estas preferinde

(1) RASMUS CHRISTIAN RASK, la plej fama dana lingvisto. Konis 70 lingvojn. Hans Christian ORSTED la fama trovinto de la electro-magnetismo.



FENESTRO DE LA SALONO DE LA PRETORIO.—DOMO DE PILATOS.—SEVILLA

ke ĉiu letero ŝajnu veni rekte de la subskribanto, ke ĉiu kvankam prezentanta la samajn argumentojn, prezentu ilin malsimile sed ĉiam konkludante al adopto de Esperanto, kiu sola pruvis sian aplikeblecon al ĉiuj fakoj de la vivo.

Jen tamen por memoro, kelkajn argumentojn kiuj estas utiligeblaj.

Lingvo internacia devas esti «unu». Esperanto konservis sian unuecon kaj konservos ĝin sur la bazo de sia Fundamento, kaj sub la direkto de sia Akademio.

Esperanto estas utiligata en ĉiuj fakoj de l' sciencoj, de Komerco, kaj instruata en multaj popollernejoj kun vera sukceso.

Sur scienca bazo, Esperanto restas tre simpla lingvo akirebla de ĉiu individuo tre facile, ĉar ĝi havas gramatikon sen esceptoj.

Esperanto vere vivas jam de pli ol 30 jaroj, kaj estas utiligita dum 11 kongrrsoj universalaj, al kiuj partoprenis pli ol 30 diverslingvaj pppoloj, kiuj uzis tiun lingvon por ĉiuj siaj bezonoj kaj esprimis en ĝi ĉiujn plej delikatajn kaj subtilajn ideojn.

Oni petas agi aktive kaj nepre laŭ niaj tutaj fortoj, kaj tion fari unuece, ĉar la esperantistaro devas kontraŭstari al la celo de la malamikoj de Esperanto, kiuj ageme, energie laboras por enkonduki Idon en tiu Fondaĵo. Atentu, do, hispanaj esperantistoj kaj fremdaj esperantistoj kaj kunlaboradu por triumfigi Esperanton.

---

## Universala Esperanto-Asocio

La Centra Oficejo de U. E. A. kaj eldonejo de «Esperanto» troviĝas en

Bern - Museumsstrasse, 14

Pro morto de S-ro H. Bolingbroke Mudie, estas elektita kiel Prezidanto de U. E. A. S-ro H. Hodler ĝis nun Direktoro, kaj kiel Direktoro S-ro Ed. Stettler kiu estis antaŭe Vic-Direktoro. La Prezidanto kaj Direktoro sendas al ĉiuj membroj de U. E. A. samideanan saluton.

## DUONVOĈE

(El «La vida loca» *La freneza vivo* de

**Carlos Fernández Shaw)**

Vi, amo el amoj,
En ama ĝardeno floro el floroj;
Ŝanĝiĝu la mia voĉ' en murmuron,
Eniru en vin, do, kiel lulkanto
Akcento la mia. Kiel lulkanto
Per dolĉa la ritmo, klara kadenco,
Kares' de venteto.
Tremanta kareso tiu trapasus
La vian vizaĝon kiel cignplumo,
Malpeza la cigna plumo tre blanka
Kaj tre delikata, plumo tre neĝa'.
Dorloto, se mia dorloto kortuŝus,
En vian orelon ĝi nune enirus,
De vi nur sentata,
Kun logaj aromoj,
Kun bruta kolomba batado.

Sed lasu ke mi min rigardu
Ĉe l' klara spegulo de viaj okuloj
Kaj inter la viaj tre ruĝaj lipetoj
Elspiron mi vian tre puran enspiru,
Trinkanta elspiron animo kortuŝa
Enspiru la vivon.

.................................

.................................

Belega vi estas. Kun naiva la nimbo
Elmontras sin via sibila korpeto
Inter konfuza kaj dolĉa travido
De milda, trankvila vespero...
Rigardu min tiel, vi, ĉarmo la mia,
Rigardu min tiel, kaj ĉe dia kvieteco
El amo en horoj elsonu kanto la mia...
Ni nin rigardadu, ni nin interkisu,
Per luma kisado, anim' kun animo.

El hispana originalo tradukis,
*Felikso Díez*

---

Bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro.

# Esperanto la plej efika paciĝilo

En malgranda urbo el Transilvanio, loĝata de germanoj, hungaroj kaj rumanoj, je 1913.a, oni malfermis kinematografon.

Bedaŭrinde, tio naskis malpacon inter la delegitoj de la malsamaj gentoj de la urbo, ĉar ĉiu delegito volis altrudi al la mastro de l' kinematografo sian apartan lingvon nacian por programoj kaj enirbiletoj.

Jen grava konflikto por la mastro dezirānta komplezi ĉiujn por fari plej bonan negocon kaj eviti ke la malpaco estos kaŭzo por detrui la kinematografon aŭ ion el ĝi. Redakti trilingve programojn kaj enirbiletojn estos multekosta kaj embaraziga afero; same, fari specialajn programojn kaj enirbiletojn apartajn por ĉiu gento.

Senespere la malfeliĉa kinematografisto volis solvi la situacion, tre malprofitdona por li.

Iun tagon, tamen, la Ĉielo kompatis lin; ĉiela inspiro solvis la konflikton. Sekvantan tagon la publiko ricevis programojn kaj enirbiletojn esperante redaktitaj.

Ĉia malkontento ĉesis, malaperis, eĉ reciproka altiro naskiĝis, kaj la diversaj gentoj de tiu tago ĉeestas la kinematografajn prezentadojn kaj ankaŭ entuziasme la kursojn pri la paciganta lingvo neŭtrala, Esperanto.

La mastro dankegas kaj benas konstante la elpensinton de Esperanto, D-ron Zamenhof; li estas feliĉa de tiu tago.

El franca lingvo tradukis,
*María Julivert* (Vendrell)

---

# LA ŜTONEGO DE LA MAŬRO

IV.a

*(Daŭrigo)*

La tempo daŭrigis sian rapidan kuradon, indeferenta je la malĝojoj kaj malfeliĉecoj de la homaro; sed, tagon malgajan, estis okazintaĵo decida, influanta, por Hispanio, laŭ diras al ni la mahometanaj kronikoj: la 25.an de Majo de 1085. Eĥoj de la milittrumpetoj kaj ekkriado entuziasma de kristanoj estis surdigantaj; la 6.a *Alfonso*, eniris en *Toledon* tra la antikva pordo *Visagras'*, hodiaŭ murfermita, dum *Jahia*, la malbonsorta filo de *Al-Mamun*, eliris el la urbo tra la ponto *Alcantara*, al *Valencio*, eskortata de malgranda korpuseto, kaj dum la maŭra loĝantaro rifuĝata en la moskeoj malbenadis la kristanan almiliton. De malproksime, *Jahia* rigardis momentojn lastfoje *Toledon*. Ĉi tie kuŝadis lia patro, lia fratino; restadis liaj palacoj, lia povo, lia krono; liaj rememoroj pri l' pasinto, liaj ĉagrenoj pri la estanto kaj liaj revoj pri la estonto. La vento portis al li la gajajn kantojn de l' venkintoj, alvenantaj al liaj aŭdoj kvazaŭ siblado de serpento... Li subite kuraĝiĝis kaj tre baldaŭ li kaj sia sekvantaro nur estis punkto apenaŭ videbla ĉe la horizonto.

Nur post unu monato alvenis al la jam kristana *Toledo* novajoj maltrankviligantaj ĝian loĝantaron. Multenombregaj mahometanaj korpusoj, el Afriko, militalproksimiĝis al la urbo. La helpo de ***Abul*** por la toleda reĝo maŭra, ĉar *Abul* nesciis la okazintaĵon, opiniante ke *Jahia* obstine estis daŭriganta la defendon de *Toledo*. *Alfonso* estis foririnta al *Leon'o*, ĉar gravaj aferoj trenis lin al tiu ĉi urbo, kaj nur restadis en *Toledo* la reĝino kaj la episkopo *Bernardo*, kaj ambaŭ decidis defendi la urbon dum la batalanta reĝo estos sciinta la atakon.

Kaj ne estis malveraj la novaĵoj alvenitaj al la kristana kortego; malofte ne estas veraj la novaĵoj malbonaj! *Abul* revenis; *Abul*, reveninte al sia regno, trovis ĉe ĝi la ribeladon pro ambicio de la estroj regantaj ĝin dum sia foresto; *Abul* devis unue venki la ribeladon, kaj ankoraŭ neresaniĝata pro longedaŭra malsano, alkuris helpi *Jahia'n*, kaj ricevi, kiel rekompencon, rigardon de *Sobejha'*.

La imagaĵo de lia amatino ne apartiĝis eĉ momente el lia koro; ĝi kuraĝigis lin por venki ĉiajn malfacilaĵojn aperintajn kontraŭ li; ĝi estis lia subtenilo dum lon-

gaj tagoj batalantaj kaj plenesperaj, same kiel dum teruraj horoj senesperaj kaj agoniaj. Kiel ŝi lin akceptos post tiom da tempo atendanta? Kion pensis pri li la geprincoj, tial ke li promesis rapidan helpon kaj longedaŭre pasadis la tempo sen lia reveno, sen novaĵo ia pri li? Nedube, teruraj suspektoj invadis iliajn spiritojn; sed, certe *Sobejha'*, kiel forta animo venkas la suspektojn, forpelis ilin el sia koro. Se ŝi amus lin, neeble estus ke tiu sekreta voĉo ĉiam parolanta al la geamantoj, ne estus al ŝi sciiginta liajn plendojn, liajn ĉagrenojn, kiuj dolorigis lin sur la lito dum lia malsano, pli malsana la animo ol la korpo, ĉar la pasado de la tempo ne permesis al li agi libere; estus neebla ŝia dubo.

Sed, ĉu okazis male?; ĉu la dubo sin lokumis ĉe la amanta brusto de *Sobejha'*, ĝi estus grava. Neniam la atmosfero estas pli pura, ol kiam la uragano ĉesas; neniu estas pli feliĉa, ol tiu kiu sin supozis malfeliĉa. Estas malgaje tre malgaje, vidi la kamparon dezertigitan kaj neĝkovritan, la arbojn sen folioj, la rozbranĉetojn velkitaj, kiel tiuj de kratago; sed tio farigas pli bela la printempon, kaj granda plezuro estas konvinkiĝi pri ĝermantaj fruktoj de la somero sub tiuj neĝoj, pri baldaŭe burĝonontaj floroj meze de la foliaro.

Tial li ambiciis alveni; por sinceriĝi antaŭ *Jahia* kaj *Sobejha*, por reakiri sian bonfamon, sian kavalirecon pri kiuj oni povis dubi, kaj por batali kontraŭ la kristanoj, venki ilin kaj firmigi princon *Dilmum'* sur lia ŝancelanta trono, kaj por foriri poste kun la elektita de sia koro, kiel pruvo pri frateco, preter la markolo. Tial li akcelis la marŝadon de sia militistaro kaj rimarkigis al ĝi la gravecon de la entrepreno kaj riĉaĵojn akirotajn, kuraĝigante tiel sian armeon.

Alveninta *Abul* apud Toledo, li ne povis sin klarigi, ke *Jahia* nesciis lian revenon, kaj tiam malĝojigantaj antaŭpensoj invadis lian spiriton; en tiu momento, li rimarkis alvenon de nigro al sia tendaro, la sklavo de lia amatino, kiun li konis, *Aben*, tute ĉagrenita, kun la restsignoj de profundega doloro sur sia vizaĝo, kiu fidela, je la lasta peto de sia mastrino, atendis la revenon de *Abul Walid'* ĉe la toledaj cirkaŭaĵoj kaj scinta la alproksimiĝon de la afrika princo iris en lian renkonton.

*Abul* sin direktis al li, kaj demandis per premanta voĉo:

—*Aben* vi ŝajnas kuriero de malfeliĉo. Kion diras al mi via malgajega mieno! Parolu.

—Princo, la anĝeloj de la malfeliĉo flugas supren ĉi tien; foriru, reiru al via lando, ke iliaj sagoj ne vundu vin. Toledo kapitulacis; *Jahia* vojaĝas al Valencio. Tiuj, kiuj mastrumis Toledo'n, hodiaŭ estas sklavoj de la kristanoj!...

—*Sobejha!?*

—Ŝi mortis antaŭ la kapitulaco. Benata estu *Allah'*, ĉar evitis al ŝi malbonaĵojn. Mortonta ŝi vokis min kaj diris al mi: —*Abul* venos; diru al li, ke mi mortis ĉar li ne estis veninta, sed ke mi mortis atendinte lin!...

*Aben* silentis, kaj *Abul*—muta pro la granda doloro—klinis sian kapon en sian bruston. Du elfluantaj larmoj glitis sur liaj vangoj brunigitaj de la dezerta suno kaj momentojn nur oni aŭdis en la tendo sufokitajn sopirojn. *Aben* lin rigardis kompateme. Subite la princo levis la kapon kaj ekkriis:

—Mi venis liberigi vian urbon kaj mi plenumos mian promeson: ankoraŭ estas devo mia tion atingi, kaj *Sobejha'* apartigus el mi sian rememoron se mi estus kapabla reveturi al mia lando antaŭ ol militkapti la lokojn, kiujn ŝi amegis; la palacon en kiu ŝi naskiĝis kaj ekridetis, kaj la tombon en kiu ŝi dormas eterne.

Restadu kun mia gento *Aben*.

—Ne, princo; mi povas loĝi en Toledo kaj tien mi reiras jam plenumita ŝia peto kaj devo mia; mi reiros al la loko en kiu mia princino eterne ripozas por ankaŭ morti tie! Adiaŭ!

Li deiris kaj neniu celis lin deteni. Tuj *Abul* ordonis akceli la marŝadon, alveninte ĉe Toledo malmultajn horojn poste, okupinte la altaĵojn sur kiuj hodiaŭ staras la ermitejo de l' *Virgulino de la Valo*, kaj de tiu loko

i admiris la riĉecon urban. Tian *Abul* supreniris al unu el plej altaj ŝtonegoj de kiu li vidis la tutan pejzaĝon, kaj, sin turnante al sia gento, ekkris potencvoĉe:

—Ni alvenis malfrue; la urbo kapitulacis, sed en ĝi estas nombregaj kaj kuraĝaj loĝantoj kiuj helpos la realmiliton. Ni batalos celante la realmiliton por redoni la urbon al ĝiaj reĝoj; se estus iu el vi ne volante sekvi min, li povus libere forlasi min. Mi ĵuras je la nomo de la Sankta Profeto ne forlasi la entreprenon, ne apartiĝi el tie ĉi ĝis kiam mi estos gajninta Toledo'n!

Raŭkaj kriadoj respondis favore al la princo; tuj la afrika militistaro starigis la tendaron sur la montetoj ĉirkaŭantaj la urbon kaj sin pretigis por longa sieĝo.

De tiu tago, oni vidis ĉiam personon staantan sur la nuda ŝtonego kiu staras apud la kapeleto de la *Virgulino de la Valo*. La gracia vestaro mahometana kovris la personon, kaj la vento flagrigis la kostumon, kvazaŭ ĝi estus nubetoj, kaj okaze kaŝis tutplene lin; ĉiam liaj okuloj rigardantaj la urbon, mínacata de lia gento. Liaj okuloj, brilantaj kiel diamantoj en la noktaj ombregoj, malkuraĝigis kristanojn, kiuj ne kuraĝis eliri preter la urbaj remparoj timante la sieĝantojn, kiuj atendis favoran okazon por ataki definitive kun helpo de la maŭraj loĝantoj de la urbo ĉar jam interkonsentis pri ĉi tio. Kaj vere strange estis vidi la personon, kiun grandeguligis la priokupado timema de la toledanoj, starantan sur la alta ŝtonego kiel misteran gnomon mastrumantan tiujn lokojn, plorantan, kontraŭ la urbo, pro la malvenko de liaj fratoj.

Certigante ĉi tion, oni diris publike, ke ofte kaj precipe dum la nokto, kiam la noktaj ombregoj kaŝis la mahometanan tendaron kaj eĉ la urbon, lumigata mirinde de la arĝentaj lunradioj la persono staranta klin is brusten la kapon kaj silente ploradis.

La persono estis *Abul*, kiu fidela je sia promeso, sieĝis Toledon, ambiciema je favora okazo por ĝin ataki, kaj kiu senmova tie, de kie li povis rigardi la tutan urbon, admiris la lokojn, en kiuj *Sobejha* loĝis kaj vivadis.

La sieĝo progresis; jam la kristanoj ekmalfidis je la reĝo *Alfonso*, riproĉante, kvankam silente, lian longedaŭran foreston, nesciinte ke la araboj kaptis siajn kurierojn. Nokton, la *Cid'*, *Rodrigo Díaz de Vivar*, komandanta la garnizonon kristanan de la palaco, konsistanta el mil kavaliroj, sin decidis ataki surprize la malamikojn. Protektata de la mallumeco, li eliris el la urbo kaj trafis alveni al la *Abul'a* tendaro, la surprizon atingi, konfuzigi la afrikanojn kaj feliĉe reeniri en Toledo'n, dum la afrikanoj, pro la noktaj ombroj, atakis sin reciproke kvazaŭ teruraj malamikoj dum la tuta nokto ĝis la ektagiĝo, ĝis kiam la matena ekkrepuskiĝo vidigis al ili la teruran okazintaĵon. Venĝdezirego kuraĝigis ilin sed ili rimarkis foreston de la princo kaj serĉinte lin, lin trovis mortinta poze kvazaŭ ankoraŭ li, apogata sur la ŝtonego, volus sin defendi, apogata sur la ŝtonego mem sur kiu li staradis, rigardante Toledo'n ankoraŭ okulvitre pro l' morto. Sago, traborinte lian bruston, trafis lian koron.

La ĉefaj militestroj kunvenis kaj pro la buĉado terura de amikoj kontraŭ amikoj, pro la morto de la reĝo kaj timante la alvenon baldaŭan de *Alfonso*, ili decidis reveni al Afriko. Sed antan la deiro, fidelaj je la ĵuro de *Abul'* ne forlasi tiun lokon ĝis almiliti Toledo'n, ili ordonis fosi tombon en la ŝtonego mem, kiun li tiom amis, por lin enterigi tien, gravurante sur la ŝtonego, kiun ili metis por kovri la tombon, lian nomon kaj laŭdon pri liaj virtoj.

La plattŝtono, kiu kovris la tombon jam malaperis; la vento disigis tra ĉie la cindrojn de *Abul' Wadid'*. Nun restas nur de li la tombo apuda al la kapeleto, lia nomo en la toledaj kronikoj kaj lia nomo en la antikvaj tradicioj de la gento.

V.ª

La legendo, tamen, ne finiĝas tiel. Ĉe la piedo de la ŝtonego, aliaj malpli grandaj

strange staras, kaj de malproksime, ŝajnas formi kapon zonitan per turbano. La toledanoj opinias ke tiu kapo estas la ŝtonega figuraĵo de *Abul' Walid'*.

Jen tio, kion oni rakontas:

Post la deiro de la militistaro, la animo de *Abul'* eliris ĉiu nokte el sia tombo, kaj sidiĝis ĉe ĝia piedo por rigardi la urbon de sia amatino. Kiam la tagiĝo ekbrilis, la animo de nove entombiĝis kaj neniu lin povis vidi. Nokton, proksime je la horo de la entombiĝo, li falis genue petante al Dio permeson restadi ankaŭ dum la tago; kaj Dio, kompatema je lia granda malfeliĉo tion konsentis ŝtonigante lin. Tie li staras de tiam spite la furiozeco de la uragano, la puŝado de l' jarcentoj. Kiam tondras sur la montoj, la fulmoj ŝajnas eliri el liaj okuloj kaj la tondrobruego ŝajnas esti la eĥo de lia voĉo plendanta pro l' morto de *Sobejha'*.

---

«Ŝukokumin Simbun», japana gazeto por infanoj presigas «Alvokon de Japanaj geknaboj, pere de Esperanto, por korespondantoj en ĉiuj landoj, jen paragrafo el la alvoko: «Karaj geknaboj en ĉiuj alilandoj, Japanujo, izola lando en Oriento, estas konata kiel la plej bela lando, kie edukado tiel trafe disvolviĝas, ke geknaboj diligente studas, kaj senescepte iradas al siaj lernejoj. Ili amas la pacon, kaj sekve entenas la varman deziron interrilatiĝi kum ĉiuj landoj.

Karuloj, bonvolu sendi al mi, ĉu desegnaĵojn, ĉu manlaboraĵojn, kiujn vi laboris, ĉu vidaĵpoŝtkartojn, ĉu viajn portretojn. Ankaŭ mi volonte akceptos verkaĵojn, al kiu vi aldonu tradukaĵon en Esperanto...»

S-ro Akio Takao, ĉe Eldonejo Ŝokokumin Ŝimbun-sha, I-ĉome, Kjomaĉibori-dori, Niŝeku, Osaka, Japanio.

---

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

En la Akrostika ŝarado aperis BIRLO anstataŭ BIRDO.

Sendis solvojn: S-ro I. Díaz el *Tocina* tiun de la Akrostika Ŝarado; S-ro J. Comella el *Vich* tiujn de la Akrostika Ŝarado kaj Hieroglifo.

Solvo de la Akrostika ŝarado: KU - KO - LO.
1.ª 2.ª 3.ª

Solvo de la Hieroglifo: (Antaŭ PARO LO) ANTAŬPAROLO.

## INTERMEZO

GAJA AGO

SENTO—RGANO

## ZOOLOGIA HIEROGLIFO

S S

Solvoj en venonta numero.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanio).

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanio) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (España). - Deziras korespondadi kun ekstereŭropanoj kaj hispanoj. Nepre kaj tuj respondas.

D-ro Casto Vilar.—Hotelo «La Peninsular», Placo S. Fernando, 20, Sevilla (Hispanio.—Interŝanĝados I. P. kun fremdaj samideanoj,

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanio) strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanio) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

A. Tomás Iglesias deziras korespondadi kun hispana samideano, sperta esperantisto, por perfektigi konon de la lingvo. Adreso: Compañía Industrial de Cereales, Apartado, 41.—*Santander*.

Aleksandro Mora; strato Serrano, 4, 1.° *Tarrasa* (Barcelona-Hispanio). - Volonte korespondados kun ĉiulandaj gesamideanoj, Ĉiam tuj respondos.

La gelernantoj de Portugala Esperantista Asocio Socialista deziras korespondadi esperante kun ĉiulandanoj per I. P. K. Adresu la unuan P. K. al profesoro, S-ro Jozefo Pires Barreira, R. de S. Marcal, 60.—*Lisbono*.

Filatelistoj! Jesús Ramírez, strato Cabestreros, 10 kaj 12, Madrid (Hispanio), tuj sendos 50-100 p. m. de Hispanio, Portugalio kaj Kolonioj iliaj al filatelisto sendinta saman kvanton da p. m. de militintaj landoj, de Afriko, Azio kaj Oceanio.

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8, Madrid. - Deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

Svitberto J. Degenkamf. Betlehemweg, 36. Utrech (Nederlando). - Interŝanĝas P. K. i. montrantajn nur preĝejojn, ankaŭ esperantajn gazetojn.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid